# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono**

Simpla jarabono 2.— sv. fk

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1.20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

Heroldo de Esperanto

Horrem bei Köln (Germanujo)

Fako: Verda Stelo.

**Redaktoro:** Teo Jung.

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo)

**Diverslandajn valutojn**
ni akceptas je sekvanta kurzo:

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 1400 hung. kronoj, 0.45 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro,

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: Geo. Teterin, Fontanka 21, kv. 7, Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

N-ro 3 — Decembro — 1926


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**Rabindranath Tagore, la fama hinda poeto, deklaris ĉe intervjuo rilate al Esperanto: Ĝi estas granda inventaĵo kun grandiozaj perspektivoj, kiu — mi esperas — dum la tempo evoluos al la necesa fruktodoneco por produkti vivantan literaturon.**

**La unua telegramo kun oficiale permesita Esperanto-teksto estas sendita de Brita Esperanto Asocio al la Radio-Ekspozicio en Dublin. Kiel konate, Esperanto fariĝis depost 1 novembro 1926 „klara lingvo" oficiale rekonita de Universala Telegrafa Unio.**

**La 21 novembro en preĝejo de Kroata Antikva-Katolika Eklezio en Zagreb (Jugoslavio) estas konsekrita kiel pastro s-ro Prebin Wenck, dano el Kopenhago. La konsekro oficiale okazis en la kroata lingvo kaj en Esperanto.**

**Plej konata angla radio-revuo Wireless World starigis demandon pri uzado de Esperanto por la voksignoj de ĉiuj radio-stacioj de la mondo.**

## English.

Rabindranath Tagore, the famous Indian Poet, at an interview on the subject of Esperanto, declared: it is a great invention with tremendous possibilities which, I hope, will develope in time to the necessary fruition of producing a living literature.

The first telegram with official permission in an esperanto text, was sent by the British Esperanto Association to the Radio Exhibition Dublin. As is now well known, Esperanto, since November the 1st became what is officially known as a „Clear language" and is now recognised as such by the Universal Telegraphic Union.

On the 21st of November, in a Church of the Croatian Ancient Catholic Ecclesiastic in Zagreb (Jugoslavio), Mr. Prebin Wenck, a Dane of Copenhagen, was consecrated as a priest. The ceremony was officially allowed to be held in the Croatian and the Esperanto languages.

The well known English radio-review Wireless World has started a questionaire about the use of Esperanto for the calling signals of all radio stations in the world.

## Deutsch.

Rabindranath Tagore, der berühmte indische Dichter, erklärte bei einem Interview unter Bezugnahme auf das Esperanto: Es ist eine große Erfindung, die sich, wie ich hoffe, im Laufe der Zeit zur notwendigen Fruchtbarkeit entwickeln wird, um eine lebende Literatur zu schaffen.

Das erste Telegramm mit offiziell erlaubtem Esperanto-Text wurde von der Britischen Esperanto-Gesellschaft an die Radio-Ausstellung in Dublin gesandt. Bekanntlich ist Esperanto seit 1. November 1926 eine von der Allgemeinen Telegraphen-Union offiziell anerkannte „offene Sprache".

Am 21. November wurde in der kroatischen altkatholischen Kirche in Zagreb (Südlavien) Herr Prebin Wenck, ein Däne aus Kopenhagen, zum Priester geweiht. Die Weihe fand offiziell in der kroatischen Sprache und in Esperanto statt.

Die bekannteste englische Radio-Zeitschrift Wireless World hat die Frage aufgeworfen, Esperanto für die Rufzeichen aller Radio-Stationen der Welt zu benutzen.

## Français.

Rabindranath Tagore, le célèbre poète hindou, a déclaré au cours d'une interview sur l'esperanto: C'est une merveilleuse invention présentant de grandioses perspectives et qui, je l'espère, atteindra avec le temps la maturité nécessaire pour produire une littérature vivante.

Le premier télégramme rédigé en esperanto, officiellement autorisé, a été envoyé par l'Association espérantiste britannique à l'exposition de T. S. F. à Dublin. Ainsi que l'on sait, depuis le 1er novembre 1926, l'esperanto est officiellement reconnu comme „langage clair" par l'Union Télégraphique universelle.

Le 21 novembre Mr. Prebin Wenck, danois de Copenhague a été consacré prêtre dans une église catholique du rite ancien à Zagreb. La consécration a eu bien officiellement en langue croate et en esperanto.

La plus importante des revues anglaises de T. S. F. „Wireless World" a posé la question de l'emploi de l'esperanto pour les appels dans toutes les stations radiotéléphoniques du monde.

## Verda Stelo eĉ pli malkara!

La eksterordinara sukceso de Verda Stelo instigis nin pripensi rimedojn por ankoraŭ plifaciligi ĝian abonon kaj por fari Verdan Stelon efektive la gazeto de *ĉiu* esperantisto. Tial:

1. Ni decidis, kiel en la pasintaj tri monatoj oktobro-decembro 1926, ankaŭ estonte eldoni Verdan Stelon kiel *senpagan monatan aldonon* al Heroldo. Sed abonantoj, kiuj pro iu kaŭzo ne povas aboni tutan Heroldon kun Verda Stelo, *povas aboni Verdan Stelon aparte*. Abonantoj de Heroldo, kiuj jam abonis Verdan Stelon aparte, do ricevos ĝin *duoble*. La duan ekzempleron ili bonvolu doni al alia samideano aŭ utiligi ĝin por la propagando. Kiu deziras alian kompenson, ekz. per libroj, skribu tuj!

2. Ni decidis ĉe la diversaj kategorioj ankoraŭ *malaltigi* la jam malaltan prezon.

De nun *jarabono* (januaro-decembro 1927) kostas:

**Simpla abono** sv. fk. 2.—

**Kolektivaj abonoj** al unu adreso:

minimume 5 abonoj po sv. fk. 1.50;
„ 10 „ „ „ „ 1.20;
„ 25 „ „ „ „ 1.10

Al grupoj aŭ individuoj, kiuj mendis kolektivajn abonojn kaj pagis laŭ la **malnova** tarifo, ni liveros (komence de januaro) pli grandan kvanton da ekzempleroj de ĉiu numero, konforme al la **nova** tarifo.

3. Grupoj kiuj ne povas mendi tutajn jarabonojn, *povas mendi kaj antaŭpagi por ĉiu monato*. Tiukaze kostas:

| | | |
|---|---|---|
| 1 ekz. | | sv. fk. 0.20; |
| 5 „ | de sama numero po | „ „ 0.15; |
| 10 „ | „ „ „ „ | „ „ 0.12; |
| 25 „ | „ „ „ „ | „ „ 0.11. |

4. Al ĉiu jarabono por 1927 ni aldonos kiel senpagan premion la numerojn de oktobro-decembro 1926, sed nur, dum la provizo sufiĉos. Tial, mendu tuj!

5. Grupoj, kiuj jam mendis difinitan kvanton da abonoj kaj kiuj volas **postmendi** pliajn abonojn, ricevas la postmenditajn abonojn por la sama prezo, kiu validas por la *tutnombro* de la menditaj abonoj. Ekzemple, se grupo mendis 5 abonojn kaj postmendas unu, la unu postmendita abono kostas ankaŭ nur sv. fk. 1.50; aŭ, se grupo mendis 8 abonojn kaj postmendas 2, la 2 postmenditaj abonoj kostas po sv. fk. 1.20, ĉar per la postmenditaj abonoj la tutnombro de la menditaj abonoj atingas 10.

6. *Se asocio en malgranda lando, ne povante regule eldoni propran organon, volas uzi Verdan Stelon kiel sian organon, ni povas liveri iun kvanton (sen plikosto) kun blanka unua paĝo, aŭ enpresi (je modera prezo) iun ajn deziritan nacilingvan tekston.*

## Tra Esperantujo.

### La naskiĝtago de Zamenhof

estas ĉiujare de la tuta esperantistaro festata la 15-an de decembro. Nun jam pleniĝas la 67-a jaro, depost kiam la granda genio de nia majstro, ekvidis la lumon de la mondo. La 15-an de decembro 1859 naskiĝis Lazaro Ludoviko en Bialystok (tiam rusa, nun pola urbo). Nia redakcio jam ricevis de diversaj grupoj bele presitajn programojn pri la Zamenhofa festo, kiuj montras solenon per festparoladoj, propagando, deklamoj, kantoj kaj dancoj. Radio-stacioj Breslau (ondo 322.6) kaj Gleiwitz (250) sendos la 15. 12. je 22—23 h MET, esp. programon. Al ĉiuj festoj kaj solenoj ni deziras bonan sukceson.

### Nia subtitolo.

Kelkaj legantoj kritikis la vorton „malkara", rimarkigante, ke Verda Stelo certe deziras esti ne „malkara" sed „kara" gazeto al ĉiu esperantisto. Nu bone, ĝi estos „kara malkara" aŭ „malkara kara gazeto". Sed uzante la vorton „malkara", ni tute pravas. Komparu Kabe: malkara = de malalta prezo! Ankaŭ ni preferus alian simplan vorton, sed „malmultekosta" estas vortmonstro, simile al „malproksimenparolilo" por „telefono". Kaj se ni uzus novan radikon, ekzemple „ĉip" (laŭ angla „cheap"), diablo nin prenus.

### Danzig.

Jam komencu ŝpari volaĝmonon por viziti la 19-an Universalan Kongreson, kiu okazos de 28-a de julio ĝis 4-a de aŭgusto en Libera urbo Danzig! La kongreskotizo estas 25 svisaj frankoj aŭ egalvaloro, por blinduloj senpage. Detaloj sekvos.

### Japanaj eminentuloj por Esperanto.

17 japanaj eminentuloj, grandparte universitataj profesoroj, subskribis proteston al Panpacifika Scienca Konferenco, kiu volis ke oni uzu nur la anglan lingvon. La protesto proponas Esperanton kiel oficialan lingvon; sed se oni permesus anglan lingvon, oni permesu ankaŭ japanan.

### Esperanto en lernejoj de Aŭstrio.

Post St. Pölten, Krems kaj Wien nun ankaŭ Korneuburg estas inter la aŭstraj urboj, kie Esperanto estas oficiale instruata en la burĝa lernejoj.

### Paneŭropo kaj Esperanto.

Oni intencas organizi Esperanto-sekcion de Paneŭropo. Anoj de Paneŭropo aŭ interesiĝantoj skribu sur simpla poŝtkarto sian adreson al D-ro Edmund Sós en Wien (Aŭstrio), Tuchlauben 18, notante per A resp. I, ĉu ili estas ano aŭ interesiĝanto.

### Propaganda Semajno en Ĉeĥoslovakio.

La aŭtuna Propaganda Semajno en la germanlingvaj distriktoj de Ĉeĥoslovakio, kun partopreno de la japana profesoro s-ano Koogecu Niŝimura, havis bonan rezultaton. Por kursoj anoncis sin entute ĉ. mil personoj.

### Konferenco pri Paco per Lernejo.

Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo decidis kunvoki je pasko 1927 al Prago (Ĉeĥoslovakio) konferencon pri Paco per Lernejo. La konferencon supozeble prezidos fame konata Prof. Bovet en Ĝenevo. Oni esperas, ke multaj esper-

antistaj instruistoj, precipe el Ĉeĥoslovakio kaj Saksujo vizitos la konferencon, kaj ke la ĉefa, se ne la ekskluziva lingvo de la konferenco estos Esperanto. La planon de la konferenco aprobis D-ro Ed. Beneŝ, aŭdinte pri ĝi en Ĝenevo.

**Esperantista Respondkupono.**

Fine UEA plenumis deziron delonge esprimitan de la esperantistaro: ĝi eldonis esp. respondkuponojn kaj vendas unu kajeron (enhavantan 10 biletojn po 0 50 sv. fk., 6 biletojn po 0 50 kaj 3 biletojn po 1.— fk.) por 10 svisaj frankoj aŭ egalvaloro. Certe la esperantistaro volonte uzos la respondkuponojn de UEA por pagi malgrandajn sumojn. Kompreneble, ankaŭ la administracio de Heroldo kaj de Verda Stelo akceptos ilin kiel plenvaloran pagilon.

# Tra la mondo.

Mirigaj estas la progresoj de la tekniko. Jam oni atingis, kvankam nur sur distanco de kelkdek kilometroj, per aeroplano rapidecon de 428 km pohore. La rekordo ĉe la rapidkonkursoj de hidroplanoj en Norfolk (Usono) estis 391,2 km pohore sur distanco de 350 km. La rekordon atingis itala majoro de Bernardi per Macchi-flugmaŝino. Oni antaŭvidas la tempon, kiam sur la paralela grado de Novjorko-Madrido-Vladivostoko oni povos en unu diurno (tago kaj nokto) ĉirkaŭflugi la teron, tiel ke la aviadisto jam ne vidos la sunon „subiri" la horizonton.

Ĉe la politika horizonto ne multo ŝanĝiĝis. Dum la preso de tiu ĉi numero okazas en Ĝenevo konferenco de famaj ŝtatistoj de Belgujo, Britujo, Francujo, Germanujo kaj Italujo pri la okupita Rejnteritorio de Germanujo. Espereble la traktadoj kondukos al rezultato kontentiga por ĉiuj traktantoj.

Sur la ĥina batalkampo la situacio restis proksimume la sama kiel antaŭ unu monato. Marŝalo Vupejfu rezignis la komandon post siaj malvenkoj kontraŭ la Kanton-armeo, kaj Ĉancolin transprenis la ĉefkomandon de la nordĥinaj trupoj. Tamen, la Kanton-armeo nuntempe havas ĉiujn avantaĝojn por si, kaj gravaj parlamentanoj en Anglujo jam konsideras la rekonon de la registaro de Kanton, kondiĉe ke ĝi zorgu pri ordo en la teritorio okupita de ĝi, kaj ke ĝi ĉesigu la bojkoton kontraŭ eksterlandaj komercaĵoj.

En kristanaj landoj oni festos en tiu ĉi monato la ĉiujaran kristnaskan feston, kiu estas festo de donacoj kaj de ĝojo precipe por la infanoj. En kelkaj landoj oni starigas sur tablon la kristarbon, kiun oni ornamas per multaj kandeloj kaj per ĉiuspecaj ornamaĵoj, figuroj, steloj, perlĉenoj, fruktoj, bonbonoj, kuketoj ktp. Sub la arbo oni aranĝas la donacojn: ludilojn por infanoj, utilajn aŭ luksajn objektojn por plenkreskuloj.

Al ĉiuj niaj kristanaj legantoj ni deziras *ĝojigajn festotagojn* kaj al ĉiuj niaj amikoj senescepte ni deziras

## feliĉan novan jaron!

# Malferma letero

## al la konsciaj pioniroj de nia movado kaj al kulturantoj de Esperanto.

Karaj samideanoj kaj kolegoj!

Fama sentenco diras: „En sia lingvo vivas la nacio." Mi opinias: ne la lingvo, sed la spirito vivigas la popolon. Post morto de la spirito baldaŭ malaperas la popolo mem, kaj kiel videbla kadavro restos la lingvomaterialo, literaturo, kulturkreaĵoj por la avida sekcado de postaj centjaroj. Ĉio havas komencon kaj finon. Dioj naskiĝis, dioj mortis, sed la Vivo mem seninterrompe triumfas. Muzeaj kulturoj elokventas pri grandaj mortintoj, kaj estus aflikte mediti pri ili, se tiu meditado ne kaŝus en si eternan konsolon: la morto naskas novan vivon, la postlasitaj heredaĵoj formas tiun ŝtuparon, laŭ kiu evoluis freŝaj generacioj, novaj popoloj, pli perfektaj kulturoj.

La popoloj de antikvaj tempoj malaperis, sed esplorante la kaŭzojn oni trovas ke tiuj malaperoj ne estis kontraŭnaturaj. Ĉu ŝajnas kontraŭnature, se maljunulo mortas? Ne! Kiam iu popolo finuzis siajn fortojn, la inerteco mortigas ĝin. Lukti kaj ĉiam lukti por la vivo, jen la beleco, valoro, celo de la Vivo. Sole la luktmanieroj povas diferenciĝi je nobla, home ideala kaj egoista, efemera.



*Danzig, la urbo de nia Deknaŭa.*

*La bildo montras la t. n. Langebrücke (Longa ponto) kun astronomia observejo kaj Krantor (Levila pordego).*

*La unuan ni celas. Nia armilo estas la plej potenca: la internacia lingvo.*

Ĉio kaj ĉiu havas periodojn de ekflorado, maturiĝo kaj velkiĝo. El feŭdalismo ekfloris la naciismo, en naciaj kulturoj ĝermas la internaciismo, kaj en tiu ĉi lasta jam koncipiĝis la nova ido, la posteulo: *la Supernacio*. Kompreneble ĝia alveno ankoraŭ malfruas en la nedivenebla malproksimo de la Tempo. Limhava fantazio de la homo nur skizi povus tiun novan epokon, tiun utopian perspektivon de la Homaro. Ne estas mia celo doni ĉi tie plaĉan priskribon, sed simple konstati kaj montri mi volas, ke la ĝermanta semo de tiu pli perfekta, pli ideale homa epoko jam ekfloras *en nia movado*.

La kulturhomo de l' nuntempo ne povas preterlasi nian movadon sen serioza konsidero. Kiu konas nian junan historion, vidas nian entuziasmon, konstatas la atingitajn sukcesojn, tiu — eĉ kontraŭvole — jam eksentas la karesan tuŝon de tiu milda venteto, kiu dum cent jaroj iom post iom enterigos tiujn fortikajn, ŝajne nedetrueblajn murojn, kiuj nun baras la vojon de la *unueca nova spirito*, kovrante ilin per sableroj de la neeviteblo. Sur la nova grundo estos konstruitaj la bastionoj de la supernacio kaj tiuj bastionoj garantios por postaj jarmiloj la venkon de la unueca spirito per racia homamo, freŝa, neimageble moderna kulturo. Batali por nia ideo signifas servadon de *la plej alta moralo*, subteni la movadon signifas altenteni la standardon de l' *homeco*. Ĉiu atingita sukceso estas venko kaj konsola triumfo de tiu *dia* moralo, kiun ĉiu homo *senescepte* havas en si. En kelkaj dormas tio kaj ili estas neglektemaj; en kelkaj fajre ardas kaj ili estas mokataj utopiistoj. Veku la dormantojn kaj restu fidelaj *utopiistoj*, por ke la posteuloj danke povu rememori pri siaj prapatroj *saĝe realistaj*.

Pioniroj, propagandistoj, ne hontu konfesi viajn ideojn, aspirojn! La vojoj eble estas malsamaj, sed ĉiuj kondukas al sama celo: paco, paco, paco. Viaj klopodoj masonas la fundamenton. La reciproka estimo de sentoj kaj principoj estas la mortero, solide kuntenanta la brikojn de la nova templo, kies ĉefaltaro, la *homeco*, reflektos la veran vizaĝon de Dio. Antaŭenrigardu al la celo kaj tiam vi ne sentos la dornopikojn dum la pena marŝado. Supren la korojn! Supren, ĉar vi ĉiuj estas kaj devas esti *herooj*!

Verkistoj, poetoj, filozofoj, filoj de la elektita gento, kiuj estas destinitaj por gvidi viajn gefratojn, *unuiĝu en la laboro*. Ĉiu linio, verkita en nia lingvo, brave proklamas novan aŭroron; ĉiu verso, kantita en nia lingvo, demonstracias pri la vivanta spirito; ĉiu aksiomo, dirita en nia lingvo, elokventas pri racia ideala konscio. Kiuj forjetis la plumon, tiuj reprenu ĝin; kiuj silentas, tiuj malfermu la buŝojn je nova kanto. La laborantoj persistu kaj eduku novan generacion. La mondo vidas miraklojn, se vi eklaboros, kaj la sinblovanta naneco humiliĝos antaŭ vi, ĉar la vero de la vivanta spirito egalrajtecon postulos por si. La sagoj, malice pafitaj, ne povos vundi nin, ĉar ili refalos de la kirasmuro de nia *propra*, ĉion enhavanta *kulturo*. Se la pioniroj estas niaj batalantaj herooj, vi, filoj de la elektita gento, estas la generaloj, de kies prudenta, celpersista komandado dependas la venko. Juston pro la justeco mem, bonon pro la boneco mem kaj *ne* juston por profito, bonon por rekompenco! Se tion vi elektos por via devizo, tiam *eĉ se laŭŝajne diferencos la vojoj*, sur kiuj vi portos la konstrumaterialon al la templo, tamen ĝi estos mirakla sanktejo de la homa intelekto.

## *Kore, fajre ŝin mi amas.*

*Ŝi, knabin' gracia, flugetanta,*
*Kun dolĉega voĉo de birdet',*
*Kun rideto forte min ravanta,*
*Estas kvazaŭ de la lun' portret'.*
*Ho, la brusto al mi flamas,*
*Kore, fajre ŝin mi amas!*

*Kial ami ŝin? — Ha, kompreneble!*
*Plej anĝela estas ŝi knabin'!*
*Ĉu ŝin ekforgesi estas eble?*
*Ne, ho ne! Tiela ĉarmulin'!*
*Jes, animo mia flamas,*
*Kore, fajre ŝin mi amas!*

*Fontsuno Tsai, Tientsin.*
*Nankai Middle School, Ĥinujo.*

# Kristnasko de malgranda knabo.

De *Dostojevski.*

Malgranda, apenaŭ sesjara knabo ekvekiĝis ian matenon en malvarma, malseka kelo. Li sidis en angulo sur kofro kaj tremadis en sia kompatinda kitelo. Lia spiro estis kvazaŭ vaporo kaj li spiris intence fortege en la aeron, sekvante per siaj rigardoj scivole ĉi tiujn nubetojn. Li estis malsata; jam ofte ĉi tiun matenon li proksimiĝis al la kuŝejo sur la planko, kie lia patrino nun tiel longe dormis. Ŝi venis kun sia knabo el fremda urbo kaj poste ŝi malsaniĝis. En la koridoro la knabo trovis ion por trinki, sed nenie peceton da pano. Li iris nun jam la dekan fojon al patrino, por veki ŝin.

La malgranda knabo timis pro la malhelo, ĉar estis jam delonge vespero; sed neniu lumigis kandelon. — Li karesis la vangojn de la patrino kaj miris pri tio, ke ŝi ne movis sin kaj estis malvarmega kiel la muro. „Estas malvarmege ĉi tie!" li pensis kaj lia malgranda maneto restis kuŝi sur la mortintino. Tiel li staris momenton, poste li ree spiris sur siajn malgrandajn fingrojn por varmigi ilin; subite li prenis sian ĉapeton kaj ŝteliris el la kelo. Li ja estus irinta pli frue, sed li timis la grandan hundon, kiu, kuŝante la tutan tagon antaŭ la pordo de la najbara domo, bojegis. Nun ĝi jam ne estis tie kaj la knabo povis iri al la strato.

Kara Dio! Kia urbo! Neniam ankoraŭ li vidis ion tian. Tie, de kie li venis, estas nokte malhelego, nur unuopa lanterno lumas en la tuta strato; la fenestroj de la malaltaj, lignaj dometoj estas fermitaj per latkurtenoj. Apenaŭ krepuskas — neniu plu estas en la strato, ĉiuj domoj estas fermitaj, nur aroj da hundoj, centoj — miloj — bojegas la tutan nokton. Sed varmo estis tie kaj li ricevis manĝaĵon . . . Ĉi tie — pro Dio! se li nur havus ion por satiĝi! Kaj kia bruado, kia lumo kaj homoj kaj ĉevaloj kaj veturiloj kaj malvarmego. Malvarmego!! Vaporo je la dorsoj de la instigataj ĉevaloj, vaporo el iliaj spiregantaj naztruoj! La neĝo mallaŭtigis la batojn de la hufoj.

Ĉiuj premadas kaj puŝas kaj — kara Dio — li malsategas. Se li nur havus peceton da pano! Kaj kiel doloras la malgrandaj fingroj! Tie ĉi ja estas ree strato — ha — kiel larĝa! Ĉi tie oni lin certe mortpremos! Kiel ili ĉiuj krias, kuras kaj veturas — kaj lumo — kia lumo! Sed kio estas tio? Ho, kia granda vitro, sed malantaŭe ĉambro — kaj en la ĉambro granda, ornamita arbo. Ĉi tiu estas kristnaska arbo — kaj sur la kristnaska arbo tiel multaj kandeletoj, tiel multaj kandeletoj, tiel multaj oraj paperoj kaj pomoj — kaj ĉirkaŭ la arbo pupoj kaj ĉevaletoj. En la ĉambro saltadas infanoj, puraj kaj ornamitaj; ili ridas kaj ludas, manĝas kaj trinkas. Tie dancas malgranda knabino kun bubeto, kiel ĉarma ŝi estas! — tie estas ankaŭ muziko, oni aŭdas ĝin tra la vitro.

La knabo ekstere rigardas kaj admiras kaj ridas; sed liaj malgrandaj piedoj kaj manoj doloras, tute ruĝaj estas la fingretoj kaj rigidaj. Subite li konscias pri tio, ploregante li forkuras. Kaj ree li ekrigardas tra fenestra vitro en ĉambron; ree staras tie arboj, sed sur la tabloj kukoj, diversaj bakaĵoj, ruĝaj kaj flavaj tortoj . . . Tie estas kvar sinjorinoj; al ĉiu, kiu venas, ili donas kukojn — ĉiun momenton la pordo estas malfermata kaj multaj sinjoroj eniras.

La etulo ŝteliris tien, malfermis la pordon kaj eniris. — Ho, kiel ili ĉagreniĝis pri tio kaj kiel ili kriis al li. Unu el la sinjorinoj rapide proksimiĝis, premis moneron en lian ruĝan maneton kaj malfermis men la pordon al la strato. Kiel li ektimiĝis! La monero falis teren, la malgrandaj, ruĝaj, rigidaj fingroj ne povis teni ĝin.

La knabo forkuris rapide — rapide, li ne sciis, kien. Li ploras — ho, ĉi tiu timego! li kuras, kuras kaj spiras sur siajn manetojn. Kia ĝemo — kia . . . Kara Dio! Kio do ree estas tio? Aro da homoj staras tie kaj okulumas. En la fenestro estas tri malgrandaj pupoj, vestitaj per verdaj kaj ruĝaj roboj kaj tute — tute kiel vivantaj. Unu el la pupoj — malgranda vireto — sidas kaj ludas violonon, la ambaŭ aliaj staras apude kaj ludas ankaŭ, per siaj kapetoj ili taktas, rigardas sin, movas la lipojn — ili parolas — jes, certe — ili parolas — oni nur ne povas aŭdi tra la vitro, kion . . .

La knabo opiniis unue, ke ili estas vivantaj sed kiel li poste ekkonis, ke ili estas nur pupoj, li laŭte ridis. Li estas malĝojega, sed ĉi tiuj pupoj estas tiel ridigaj — tiel ridigaj! Sed subite staris antaŭ li granda, malbona bubo, batis lin sur la kapon kaj forŝiris lian ĉapon. La malgranda knabo falis teren, la bubo piedpremis lin. La infano ekslatis plorante, senkonscie pro timego li kuris — kuris . . .

Jen — malfermita pordego, la knabo enkuris kaj staris en fremda korto; rapide la infano rampis malantaŭ la ligno-amason, kiu estis ĉi tie. Ho, tie ĉi oni ne serĉos lin; estas ja tiel malhele! Tute silente li sidis, pro timo li eĉ ne povis spiri. Subite — tute subite li havis nepriskribeble

Kaj vi, popolo esperantista, kiu ĝuas la fruktojn, estu konscia pri tiu granda batalo, kiun faras la heroj, generaloj je via intereso! Sciu, ke via subteno estas la sango cirkulanta en la vivanta korpo; ke via fido refreŝigas, hardas dum laciĝo; ke via kompreno, via kontento balzame kuracas la vundojn; kaj fine estu konvinkiĝinta, ke neniu amas vin pli ol viaj herooj kaj generaloj. Rekompence vi gardu la fajron, kies varmo savos de glaciiĝo la *homamon*.

*Budapest*, 29. 11. 1926. *Julio Baghy.*

# Opinio de eminentulo.

## La franca aviadisto Costes pri Esperanto.

S-ro Houbart, direktoro de „La Movado", interviuis la konatan francan aviadiston Costes, kiu starigis mondrekordon je la plej longe traflugita distanco sen halto (Parizo-Djask en Persujo, 5650 km en 32 horoj). Jen kion s-ro Costes interalie deklaris:

„En Hindujo, apud Patna, kie — revenante — ni alteriĝis, ni tute ne povis kompreniĝi kun la enlandanoj. Ni dormis en la aeroplano, kaj post dutaga restado apud tiu urbo ni forflugis, ne povinte kompreneblîĝi nek kompreni eĉ unu vorton.

Estas nepre necese, ke Esperanto fariĝu la helpa lingvo, kiu plimpleksigos la popolojn kaj igos la vojaĝojn agrablaj kaj facilaj, ĉar nenio estas pli teda, ol trapasi ĉiutage landojn diversajn kun lingvoj malsamaj. Tial mi tre deziras kaj sincere kredas la ĉiam pli grandan disvastiĝon de Esperanto. Mi devas do eklerni Esperanton . . . kaj ankaŭ la loĝantoj de la landoj, kie iun tagon mi alteriĝos."

La kunfluginto kaj kunrekordulo de s-ro Costes, kapitano Rignot, en parolado farita la 26-an de novembro en la radio-stacio de P. T. T. en Parizo, aludis pri Esperanto en la rakonto pri sia flugo.

# Super ĉio la Vero!

Denove nin atakas pastro Ramboux, la redaktoro de Espero Katolika. Unufoje li jam atakis nin koncerne la neŭtralecon de Heroldo; nun li asertas, en la decembra numero de Espero Katolika, ke la diro pri malkareco de Verda Stelo estas nur „reklama lertaĵo", „ĉar por *preskaŭ la sama abonprezo* Espero Katolika liveras duoblon da multinteresa legaĵo".

Koncerne tion ni konstatas: Espero Katolika kostas 4.50 sv. fk., por Francujo 25 fr. fk. Verda Stelo kostas (laŭ la nova prezo) ĉe simpla abono 2 sv. fk.; ĉe kolektiva abono de 25 ekzempleroj ĉiu *jarabono* kostas nur *1.10 sv.* aŭ *5.50 fr. fk.* (Laŭ la malnova prezo simpla jarabono kostis 2.40 sv. fk.) Oni vidas do, ke la aserto de Espero Katolika estas konscia malveraĵo. Ni vere ne komprenas la kialon de la malamikema sento, kiu vidiĝas el la atakoj de pastro Ramboux. Eble li bonvolos ĝin klarigi al ni.

### Korektu

en Verda Stelo n-ro 2 en la artikolo „Diversaj sciindaĵoj pri nia Tero", ke 6 kvadrilionojn oni skribas ne per 6 kun 36 nuloj, sed „nur" kun 24 nuloj.

# George Bernard Shaw.

De *Emma L. Osmond.*

George Bernard Shaw naskiĝis en Dublin, Irlando, en 1856. Li vizitis Dublin'an lernejon, ĝis li havis dekkvar jarojn, kiam li trovis oficon kiel landagento en tiu urbo. En 1876 li venis Londonon kaj verkis kritikojn kaj romanojn por socialistaj revuoj. En 1885, William T. Stead, poste angla pioniro de Esperanto, donis al li oficon kiel kritikisto por la „Pall Mall Gazette". Liaj dramoj, „Plays, Pleasant and Unpleasant" (Dramoj, Plaĉaj kaj Malplaĉaj) estis publikigataj en 1898, kaj en la sama jaro li edziĝis. Aliaj dramoj, ĉiuj rimarkindaj pro spriteco, originaleco kaj bonhumora ironio, sekvis. Lia famo vastiĝis pli frue en Aŭstrio kaj Germanujo ol en Anglujo, sed nuntempe lia nomo estas konata en ĉiu civilizita lando. Li estas vegetarano, ne trinkas alkoholaĵon kaj kontraŭas fumadon kaj vakcinadon. En la pasinta julio, la Laborista Partio donis al li regalon por festi la sepdekan datrevenon de lia naskiĝo. La Nobel'a Komitato ĵus aljuĝis al li la literaturan premion por 1925, kiu estas la dua premio gajnita de irlandano, ĉar William Butler Jeates ricevis ĝin en 1923.

Mi citas kelkajn elĉerpaĵojn, kiuj montras la ideojn de George Bernard Shaw:

*Nacieco.* „Mi mem ne estas anglo sed irlandano, kaj mia nacia inklino estas kontraŭ-angla. Sed unu el la ĉefaj aferoj, kiujn socialismo instruis al mi, estas, ke nacia inklino ne estas politiko." El *Elektitaj Elĉerpaĵoj.*

*Vegetarismo.* „Ili eble timas, ke per abstinenco de viando, ili ĉiuj iĝos Bernard Shaw'oj; la plej terura sorto, laŭ iliaj asertoj, kiu povus okazi al ili. Ili ĉesu maltrankviliĝi pro tio. Milionoj da vegetaranoj troviĝas en la mondo, sed nur unu Bernard Shaw. Antaŭ jarcento estis milionoj da vegetaranoj, sed nur unu Shelley. Antaŭ dudek ses jarcentoj estis milionoj da ili, sed nur unu Pitagoraso." *Senvianda vivo.*

„Viandon mi ne manĝis dum dudek sep jaroj. La publiko vidas la rezulton." *Review of Reviews, 1908.*

*Alkoholtrinkado.* „Mi ne trinkas alkoholaĵon pro profesia kialo. La kvalito de mia laboro dependas de severa mem-kritikado. Io, kio facile igas min plaĉa al mi mem, forprenas de la kvalito de mia laboro. Anstataŭ ellabori kaj priskribi proksimume 2% el la ideoj, kiuj eniras en mian cerbon pri iu temo, mi skribas 10% aŭ eĉ pli, se mi eklaboras sub la komforta kaj memindulga influo de narkotaĵo." *Review of Reviews, 1908.*

*Virinoj.* „Virino estas iom pli ol sukeraĵo por nutri viran emocion." *Saturday Review, 1895.*

*Moraleco.* „Ĉio kontraŭ starigitaj movoj kaj kutimoj estas malmorala. Malmorala ago aŭ doktrino ne estas nepre peka; male, ĉiu progreso en penso aŭ konduto estas, laŭ difino, malmorala, ĝis la plimulto akceptas ĝin."

*Shewing-up of Blanco Posnet*

(Elmontro de Blanco Posnet).

*Politiko.* „Reĝo estas idolo, tial mi estas respublikano." *New Age, 1910.*

## Mi volas scii!

*De Jaroslav Vrchlický.*

*Grandega, sankta estis la momento*
*Dum homo diris: „Ho mi volas scii!"*
*Per tio li ekkonis sian celon,*
*Per tio li el polvo vidis sunon.*

*„Mi volas scii!" frakasigis rondojn,*
*Detruis la kortegan antaŭjuĝon,*
*Forpelis pezan jugon de kampulo,*
*El tomboj kreis ĝi lulilon novan.*

*„Mi volas scii!" kunfandigis mondojn,*
*Firmligis ilin per ligiloj, pontoj,*
*Atingis ĉiujn florojn de l' montaro,*
*El profundaĵo ĉerpis la trezorojn.*

*La drakon de mensogo ĝi renversis,*
*En gorĝon de la morto torĉon ĵetis,*
*Por ke la veron, maske nur kaŝitan,*
*Ĝi tamen por homara sin' akiru.*

*Centfoje, kvankam faligita polven,*
*Por ke la hom' ne vidu en la sunon,*
*Li ĉiam reekstaras novnaskite —*
*Nur kiam diras li: „Mi volas scii!"*

*El ĉeĥa lingvo trad. Perhak.*

# El Scienco kaj Tekniko.

## La komencoj de la fotografado.

La fotografado aŭ la arto fari daŭremajn bildojn de objektoj helpe de l' kemia influo de la lumo, estas, kiel oni scias, eltrovo de la franco Joseph Nicéphore *Niepce*, kiu unue sukcesis (en 1816) fiksi la bildojn de la „camera obscura" (senluma kamero).

En kemia kaj optika rilatoj, la teoriaj antaŭkondiĉoj por la eltrovo de la lumbildarto estis jam longe antaŭe plenumitaj, ĉar la fakto, ke la sunlumo kemie influas certajn materialojn, estis konata jam en pli fruaj jarcentoj kaj ofte okupis alkemiistojn kaj kemiistojn, kaj ankaŭ pri la „camera obscura" multaj fizikistoj sin okupis antaŭe.

La unua, kiu sukcesis fari lumbildojn (kvankam provizore ree malaperantajn), estis la germana kuracisto Johann Heinrich *Schultze* en Halle apud Saale; li eltrovis la lumreagemon de l' arĝentsaloj (en 1727).

Eltrovinto de l' fotografa aparato laŭ Feldhaus estas la anglo Thomas *Wedgewood*. Li faris (en 1807) lumkopiojn laŭ naturaj objektoj sur papero aŭ ledo prilaborita per arĝentnitrato kaj kiel unua provis fiksi la bildon de la „camera obscura" per lumreagema papero. Sed liaj eksperimentoj, same kiel tiuj de la konata angla kemiisto Sir Humphry *Davy*, havis nenian sukceson.

En 1829 Niepce kaj la Pariza dekoracia pentristo Louis Jacques Maudi *Daguerre* kompaniiĝis per notaria kontrakto por perfektigo de l' heliografa procedo eltrovita de Niepce.

Daguerre, kiu naskiĝis la 18-an de novembro 1789 en Cormeilles (Francujo), unue estis imposta oficisto sed poste fariĝis pentristo kaj baldaŭ estis ŝatata kaj multe okupata pentristo de dekoracioj por la Parizaj teatroj. En 1822 li, kun la pentristo Bouton, eltrovis la dioramon, tiam multe admiratan prezentadon de bildoj pentritaj sur

agrablan senton. La manoj kaj piedoj jam ne doloris kaj varmo estis ĉi tie, varmo kiel ĉe forno. Li estis tiel dormema, tiel dormema —.

„Mi volos nur iomete ripozi kaj poste mi rigardos ree la ĉarmajn pupojn," pensis la infano kaj ridetis jam duondormante. „Certe kvazaŭ vivantaj!" Kaj subite li aŭdis sian patrinon; ŝi kantis arieton.

„Panjo, mi dormas! Kiel bone estas dormi ĉi tie!"

„Venu kun mi al kristnaska arbo, mia kara infano!" flustris super li dolĉega voĉo. Pro malhelo li vidis neniun, sed iu kliniĝis super li, ĉirkaŭprenis lin — kaj . . . kia lumego! Ho, kristnaska arbo! Ne, nenia kristnaska arbo, tiajn arbojn li neniam vidis. Kie li estas? Ĉio lumas, ĉio brilas, ĉie estas pupoj; sed ne, ĉi tiuj estas bubetoj kaj knabinoj! Ili estas tiel helaj! Ĉiuj ĉirkaŭas lin, karesas kaj kisas lin — flugetas, kaj li mem flugas — flugas — kaj vidu! Lia patrino, ĝoje ridanta!

„Panjo, panjo, kiel bele estas tie!" vokas la etulo, kisas la aliajn infanojn kaj volas rakonti al ili pri la ĉarmaj pupoj en la fenestro.

„Kiuj vi estas, knaboj, kaj kiuj vi, knabinoj?" li demandas, karesante la infanojn.

„Ĉi tio estas la kristnaska donaco de Kristo!" ili respondas. „Ĝi estas ĉiujare por la malgrandaj infanoj, kiuj sur tero ne havas kristnaskan arbon."

Kaj li sciiĝis, ke ĉiuj knaboj kaj knabinoj ĉi tie estas infanoj kiel li, kiujn la mizero de la mondo mortigis en la sankta nokto . . . . sed ĉiuj — ĉiuj estas nun anĝeloj kaj en la domo de Dio.

La patrinoj staras iomete flanke kaj ploras; ĉiu ekkonas sian infanon. Sed la etuloj proksimiĝas, kisas ilin, sekigas per la manetoj iliajn larmojn kaj petas, ke ili ne plu ploru — estas ja bone ĉi tie, tiel bone . . .

Sed sube, malantaŭ la ligno-amaso, kovrate de neĝo, kuŝas la morta korpeto de la malgranda knabo.

Tiel oni trovis lin je kristnaska mateno.

Tradukis
*Luise Maria Schmied.*

# Ŝercoj.

### Dum balo.

— Ĉu vi povas danci sur la pintoj de viaj piedfingroj?

— Certe!

— Kial do vi dancas sur la miaj?

### Niaj infanoj.

— Patrino, nia instruisto ne scias, kiom faras du kaj du.

— ?

— Jes, ĉar li demandis min pri tio!

*

— Joĉjo, donu al onklino la manon por adiaŭi. Nu, kion oni diras, kiam la onklino foriras?

— Joĉjo: Dankon al Dio!

### Li tre bedaŭras.

Farmisto procesis kontraŭ najbaro pro kalumnio.

— Ĉu vi nomis la plendanton fripono kaj mensogulo? demandis la advokato.

— Jes, konfesis la najbaro.

— Kaj ĉu vi ankaŭ nomis lin ŝtelisto?

— Ne, mi tre bedaŭras; mi forgesis diri tion.

(„Vikengen", Oslo.)

# Enigma angulo.

## 1. Silab-enigmo.

a, a, ber, ci, da, di, e, fe, flo, hu, ko, ko, kra, me, me, mi, mu, na, no, o, ra, ri, ro, ti, to, vo, zo.

El ĉi-supraj 27 silaboj formu 8 vortojn, kies komencliteroj de supre malsupren legitaj nomos viron karan al ĉiu esperantisto; la triaj literoj legataj de supre malsupren nomas la monaton, en kiu tiu ĉi viro estas naskita. La vortoj signifas: 1. astronomia esprimo (zono de stelaroj), 2. kontinento, 3. malseke malbongusta aŭ malbonodora, 4. mallonge daŭra, 5. gramatika kazo, 6. vira antaŭnomo, 7. flava, 8. kolora pario de vegetaĵo.

## 1. Krucvort-enigmo.

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | | 3 | ● | 4 | | 5 | 6 |
| 7 | | ● | 8 | | | ● | 9 | |
| ● | 10 | | | ● | 11 | | | ● |
| 12 | | ● | 13 | | | ● | 14 | 15 |
| 16 | | | | ● | 17 | | | |

La *horizontalaj* vortoj signifas: 1. hejtsubstanco, 4. ĉiela korpo, 7. sufikso, 8. kontraŭo de naturo, 9. pronomo, 10. farbmineralo, 11. krimo, 12. sufikso, 13. narkotilo, 14. prefikso, 16. volve rampanta vegetaĵo, 17. insekto faranta bruon per frotado de siaj flugiloj.

La *vertikalaj* vortoj signifas: 1. konjunkcio, 2. batalo de mortanto kontraŭ morto, 3. nobelo, 4. nokta birdo, 5. antaŭnaskiĝa stato de homo aŭ besto, 6. pronomo, 12. prepozicio, 15. prepozicio.

La vortoj sen gramatika finaĵo.

## 3. Vizitkarta enigmo.

*S. E. Ultimo*

Kiun metion havas tiu ĉi sinjoro? Oni trovas ĝin ŝanĝante la sinsekvon de la literoj.

Solvoj en n-ro 1 de 1927.

## Solvo el n-ro 2.

### 1. Krucvort-enigmo.

*Horizontale:* 1. abel, 4. radi, 7. Tirol, 9. al, 11. tez, 12. ek, 13. mes, 15. tra, 16. mar, 17. rim, 18. pul, 20. rel, 22. er, 23. arm, 24. ne, 25. orden, 27. turk, 28. lien.

*Vertikale:* 1. Anam, 2. et, 3. lit, 4. roz, 5. al, 6. inka, 8. rem, 10. lemur, 12. ermen, 14. sal, 15. tir, 18. pest, 19. ard, 21. leon, 23. ark, 24. mel, 25. or, 26. ni.

diafanaj ŝtofoj, kiuj bildoj estis efikplene lumigataj per ŝanĝiĝanta artefarita lumo.

Post la morto de Niepce (5 julio 1883) Daguerre sole daŭrigis fotografajn eksperimentojn, kaj en 1837 li sukcesis videbligi per hidrargaj vaporoj la lumbildon estigitan sur jodigita arĝenttavolo, kiu antaŭe estis nevidebla, kaj fiksi ĝin per subsulfur-acida natro. Li sciigis sian eltrovon, nomitan „Daguerrotipio“, al la fama fizikisto Dominique François *Arago*, kiu sukcesigis leĝon, per kiu la franca ŝtato acetis la eltrovon kaj por tio pagis al la eltrovinto Daguerre dumvivan renton de 6000 frankoj pojare kaj al la filo de l' mortinta Niepce dumvivan renton de 4000 fk pojare. Post tio, la 19-an de aŭgusto 1839, la eltrovo de Daguerre estis publikigata de Arago en memorinda solena kunsido de la akademio de l' Scienco].

La epokfaranta eltrovo estigis plej grandan atenton kaj senekzemplan entuziasmon ne nur en sciencaj rondoj sed ankaŭ ĉe ĉiuj partoj de l' publiko. Sed ankaŭ kontraŭuloj ne mankis; ili apartenis al la artistaj rondoj. Desegnistoj kaj kuprogravuristoj, kiuj ĝis tiam krom la pentristoj senkonkure plenumis la arton de portretado, kredis ke la nova procedo ilin metos en grandan danĝeron rilate al ilia metio.

Daguerre ankoraŭ travivis la rapidan disvastiĝon de sia eltrovo, sed lia morto okazis — eltrovista sorto — tute nerimarkate en Francujo. Li mortis la 10-an de julio 1851 en Brie-sur-Marne, kie li ankaŭ estas entombigita.

*K. H. Wernicke.*

### La plej longa „tunelo“.

S-ano Stuart-Menteth en Londono informas nin, ke la plej longa horizontala bortruo ne estas Simplon-tunelo, sed la tubo de la fervojo de Edgeware Road ĝis Morden en Londono. Tiu ĉi fervojo mezuras 21-22 anglajn mejlojn (angla mejlo = 1603 m), el kiuj ĉ. 16 mejloj kuŝas en mallumo, kontraŭ nur $12^1/_4$ mejloj de l' Simplon-tunelo.

### Mallongaj scindaĵoj.

Sur ĉiu dumila ĉielkorpo, kiun ni opinias loĝata, ni trovos estaĵojn, kiuj per teleskopoj rigardas la universon kaj, same kiel ni, serĉas estaĵojn de sia speco, kiel ni faras, kaj eble pripensas la loĝeblecon kaj la loĝatecon de aliaj mondkorpoj. Kaj tiaj loĝataj steloj kun pli alte organizitaj estaĵoj, ol ni mem estas, devas esti ankoraŭ pli raraj.

❀

Certan emon al civilizacio oni trovas ĉe la homo depost 10 000 jaroj.

❀

Teleskopojn oni konstruas kaj uzas por la esploro de la universo depost iom pli ol 300 jaroj.

❀

El 50 ĉielkorpoj de ni kun peno trovitaj nur unu, laŭ homa supozo, havas kulturitajn estaĵojn, t. e. kiel estrojn. Kolektis *C. H.*

## Lingva tasko.

### Korektota teksto.

(Nia hodiaŭa tasko konsistas en tio, anstataŭigi la preseraroin en la sekvonta teksto per la ĝustaj literoj. La preseraroj estas signitaj per kursivo)

La *b*aloneto estis ornamita per mu*r*o da *p*loroj. Ĉie ili ka*ŝ*is sur la *b*lanko, sur la *f*ablo, sur la diveno, sur l*i* sa*ĝ*oj — eĉ sur la muzoj kaj de la plafono il*o* *f*endis. La *m*uta ĉambro estis kvazaŭ *t*orĉe ŝarĝita je koler*ĝ*oja ebriige ba*n*odora *p*lor*j*ardeko. Kaj en tiu ĉi f*l*ar*p*ardono la knabino mem estis la plej *b*ala floso. Kaj ankaŭ ŝi postis kr*a*non de ruzaj petoloj sur la ka*l*o, de kiu la mall*o*gita *f*igra horaro *b*'uis en *g*l*a*ndaj ord*o*j ĝis la *s*ono. Kaj ĉe la *f*ono ŝi perdis seme re*ĝ*ajn flo*k*ojn.

### Solvo
el la novembra numero.

Kiam, antaŭ kelkaj semajnoj, mi estis en la urbo, mi vizitis ankaŭ la fabrikon por akcesorajoj de aŭtomobiloj, apartenantan al mia onklo. Ĉi tiu estas tre afabla homo. Li montris kaj klarigis al mi ĉiujn ejojn kaj maŝinojn, ĉar mi — kvankam tute nespertulo — multe interesiĝas pri maŝinoj kaj deziras mem fariĝi taŭga inĝeniero. Pro tio mi deziras viziti la superan lernejon por maŝinkonstruado (konstruado de maŝinoj). Tion ankaŭ konsentas miaj gepatroj, ĉar ili volas, ke mi fariĝu kapabla homo.

# Diversaĵo.

### Henry Ford kiel heroo de dramo.

En la teatro de Gotha (Germ.) oni prezentis dramon „La ŝipo de l' Paco“ de J. M. Becker, en kiu la ĉefrolon ludas la amerikano Henry Ford. Li entreprenas vojaĝon por pacigi Eŭropon; sed li malsukcesas pro la kontraŭado de la publika opinio en Ameriko. Dum transveturo al Eŭropo la pacigonto estas ligata al masto, kaj li estas devigata returni. La fundamenta ideo de la dramo estas la problemo pri Kajn kaj Abel: fratamo kaj fratmortigo.

### La amerika idealo de beleco.

Titolon de „amerika Venuso“ ricevis ĉe beleca konkurso la juna filmaktorino Fay Lamphier. Ŝi estas 1,68 m alta, pezas 57 kg. la ĉirkaŭo de ŝia kolo mezuras 32, de l' brako 25, brusto 85, femuroj 55, maleolo 24 cm, ŝia ŝunumero estas 35. Laŭ tio ankaŭ niaj junaj legantinoj povas mezure provi je ŝi mem, ĉu ilia korpo estas konforma al la amerika idealo de beleco.

### Kiom gajnas la Prezidanto de la Franca Respubliko.

La salajro de la prezidanto de la Franca Respubliko konsistas el „dotumo“ de 600 000 frankoj ĉiujare kaj el elspezoj de la kancelario de l' prezidanto = 700 000 frankoj. Krom tio, la budĝeta ĉapitro pri vojaĝelspezoj enhavas 700 000 frankojn. Do, entute du milionoj da (francaj) frankoj ĉiujare.

### La fumado en Francujo.

Pro la plialtigo de la prezoj de tabako (ŝtata monopolo en Francujo) ĝia konsumo malaltiĝis. En 1924, en Francujo estas venditaj 56 088 269 kg da tabako, en 1925 nur 53 429 723 kg. Tio reprezentas po loĝanto en 1925 — 1 341 gramojn, t. e. 138 gramojn malpli ol en 1924. Tamen, la gajno de la ŝtato plialtiĝis: ĝi estis en 1925 — 2 270 000 000 fk, t. e. 298 milionoj pli ol en 1924.

### Longa vojaĝo de malgrandulo.

Loĝanto de Wiesdorf (proksime de Kolonjo, Germanujo) sendis en julio nunjara el Hamburgo al sia edzino kartsaluton kaj pendigis tiun ĉi karton je infana baloneto. Nun la edzino ricevis la karton de iu s-ro H Mehnert el Akra (Ora Bordo, Brita Okcidenta Afrika), kun peceto de la baloneto. Ŝajnas, ke la baloneto per tiu malproksima vojaĝo „starigis rekordon“.

### Juda sabato je dimanĉo.

La sinagogo de la Liberala Juda Komunumo en Londono antaŭ nelonge ĉesigis praantikvan moron, ekfestante la sabaton je dimanĉo. La rabeno Israel Mattuck deklaris, ke la dimanĉa sabato estas koncesio al la moderna tempo. En la sama sinagogo ankaŭ estas ĉesigita la severa disigo de la seksoj. Krome oni nuligis la malpermeson, ke la viroj devas dum la diservo surhavi la ĉapelon.

### Krimulo, kiu kostis al la itala ŝtato 8 milionojn,

estis rabisto Musolino, kiu vivis en la pasinta jarcento. Dum du jaroj li estis persekutita de 500 soldatoj, kiuj ĉasis lin en la arbaroj kaj montoj de Kalabrio, ĝis ili sukcesis kapti lin. Sed li forkuris kaj mortigis ses el la sep personoj, kiuj estis atestintaj kontraŭ li. Denove altaj premioj kaj tuta armeo da spionoj kaj soldatoj post longa serĉado kaj ĉasado povis fine rehavigi la „karan“ rabiston, kaj nun li ne plu sukcesis forkuri, sed mortis en la malliberejo. Li kostis al la itala ŝtato sumon de ĉ. 5 milionoj da frankoj.





Laŭleĝe deviga teksto germanlingva: Verlag und Druck (Eldonejo kaj Presejo): Gebr. Jung, G. m. b. H., Horrem bei Köln. Verantwortlicher Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem b. Köln